# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

27a jaro SEPTEMBRO-OKTOBRO 1975 N-ro 5



*Ĝenerala panoramo de Skellefteå (Svedio)*

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

*Deziras korespondi pri ĉiuj temoj:*

*Gehungaroj (mezaĝaj)*
*Itala junulino (13-jara)*
*Bulgaraj junulinoj (20-jaraj)*

*Oni petas korespondantojn el:*
*Aŭstrio, Svedio, Norvegio, Japanio,*
*kaj filatelistojn, glumarkkolektantojn*
*el ĉiuj landoj.*

*Jam el ses landoj FKS ricevis aliĝilojn, la servo ekfunkcias, vidu ĝeneralaĵojn en la n-ro 3 de I.F., enskribiĝu al:*

**Fervoja Koresponda Servo (sen nomo)**
**76, rue Bataille, 69008 LYON (Francio).**

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse – 121, GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken – DK 9800 – Hjørring – DANIO




# BONVENON EN SKELLEFTEÅ

(ŝelefteo)

Iom pri la komunumo Skellefteå, la loko de la 28-a IFEF-Kongreso en 1976, de la 12a ĝis la 18a de Junio. Mallonga resumo pri la komunumo Skellefteå (ŝelefteo) estas rakonti pri la evoluo de malnova agrikultura regiono, kiu evoluis al ekspansiigita industria centro, en kiu Skellefteå estas la kerno.

Jam 4000 jarojn antaŭ Kristo, niaj prapatroj jam loĝis en tiu regiono. Niaj ŝton-epokaj prapatroj vivtenis sin per fiŝkaptado, simpla agrikulturo kaj produktado de ŝtonaj laboriloj.

La ŝanĝkomerco estis ilia plej grava metio.

En la 13a jarcento estis rimarkeble, ke la regiono akiris urban aspekton. En la komenco de tiu jarcento oni konstruis la unuan preĝejon, ĉe la bordo de la rivero, kaj ĉirkaŭ ĝi kreskis komerca centro.

En la jaro 1845, la komerca centro estis jam multe pli granda. Laŭ reĝa dekreto en tiu jaro la loko Skellefteå urbiĝis. Je tiu tempo, loĝis ĉirkaŭ 200 personoj en la urbo; kaj la ĉefa okupo de la enloĝantoj estis komerco kaj diversaj metioj.

La ĉirkaŭa regiono evoluis al riĉa agrikultura regiono.

En la jaro 1908, oni konstruis la unuan elektrejon, kiu provizis la urbon per elektra lumo.

En la jaro 1920, oni ektrovis mineralojn en la montoj ĉirkaŭ la urbo. La entrepreno Boliden AB komencis industriigi la regionon kaj konstruis minejojn kaj fandfornegon.

Nuntempe, tiu industrio estas unu el la plej grandaj en Svedujo, kaj ĝi ĉefe produktas kupron, arĝenton, plumbon, kaj multajn ĥemiajn produktojn.

En 1930, la monddepresia epoko. Sed Skellefteå travivis ekspansion, dank' al la erco. Novaj industrioj estis konstruataj, kaj antaŭen-puŝis la evoluadon. Skellefteå plu-kreskis. En 1967, la urbo enhavis 25000 loĝantojn. En la ĉirkaŭa regiono preskaŭ la saman nombron. La apudaj komunumoj Burea, Byske kaj Jörn aliĝis al la komunumo Skellefteå. Oni fondis la grandurbon Skellefteå. La enloĝantoj estas nun proksimume 62000 personoj.

Ĉirkaŭ 40 procentoj de la enloĝantoj estas okupataj en la industria laboro. Hodiaŭ, en Svedujo ne plu ekzistas la esprimo 'Urbo', ĉar post decido de la sveda parlamento, en la jaro 1972, oni uzas la esprimon 'komunumo'. En la sama jaro, la loko Skellefteå estiĝis primara centro de la grand-komunumo Skellefteå.

En la jaro 1974, la komunumo denove pli grandiĝis, ĉar, en tiu jaro, aliĝis al Skellefteå la najbar-komunumoj Burträsk kaj Lövanger.

Nun loĝas en la komunumo 71000 personoj. La areo de la komunumo estas 7217 kvadratkilometroj. De la enloĝantoj ĉirkaŭ 45000 personoj loĝas en cirklo de 20 kilometroj, kies centro estas Skellefteå.

Nun vi eble demandas, kia estas la Urbo hodiaŭ. Jes, mi respondas. Sed permesu al mi uzi la esprimon 'Urbo', ĉar ankoraŭ nun la popolo uzas tiun esprimon.

Do la urbo ne aspektas stranga; ĝi estas sama kiel kiu ajn alia urbo. Foje, ĝi estas iom brua, kaj foje trankvila. Sed, tamen, ĝi havas sian propran karakteron. En la urbo estas multaj lernejoj; vi trovos ilin en ĉiuj kvartaloj. La urbo estas relative moderna, kun komerca centro.

La plej multaj domoj estas tute novaj, ĉar,de tempo al tempo, oni forigis la malnovajn domojn, kiuj plejparte estis konstruitaj el ligno.

La urbo estas konata pro siaj industrioj; ili estas en modernaj konstruaĵoj, sur kiuj vi ne vidos multajn grandajn fum-tubegojn.

En la urbo estas speciala Ekspozicia Domo, precipe por industriaj produktoj. La nomo de la Ekspoziciejo estas EXPOLARIS, kaj ĝi estas kvazaŭ nia vizaĝo, kiu turnas sin al la cetera mondo.

Troviĝas tie 7 elektrejoj, lokitaj ĉe la rivero 'Skellefteälv' kiu trafluas nian urbon. Do la urbo estas ankaŭ produktanto de elektra energio.

Ni havas la naturon tute apud ni: arbarojn, la maron, riverojn kaj montojn.

Por la enloĝantoj, ekzistas multaj eblecoj okupi sin per diversaj plenaeraj ŝat-okupoj. Ekzemple, banado en la maro, fiŝkaptado en lagoj aŭ riveroj, migrado en la arbaroj, k.t.p.

Multaj familioj ferias en siaj libertempaj dometoj apud la maro. Nia marbordo estas kvazaŭ kreita nur por tiu celo. Somere, la familioj banas sin en la maro, uzas siajn ŝipetojn, aŭ nur ĝuas la naturon. Vintre, ili ankaŭ estas en siaj kabanoj; sed, tiam, ili skias sur la glaciiĝinta maro, fiŝkaptas tra la glacio, kaj bruniĝas la vizaĝoj, dank' al la fortaj sunradioj, kiujn reflektas la blanka neĝo.

Preskaŭ en la centro de la urbo, vi trovos la monton 'vitberget', Blanka Monto. Sur ties pinto, estas malgranda restoracio, kaj en ĝia proksimeco estas slaloma skiejo. Vintre, oni povas supreniri la monton pere de ski-lifto. Do, dum la skisezono, la monto kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj estas plenaj de skiantoj. Somere, oni piede migras en la regiono. Interesa afero estas ke dum la malhela tempo de la vintro, oni povas skiadi en elektre lumigitaj skiejoj, havantaj mezuron de tri ĝis kvin kilometroj.

Tute ĉe la piedo de la monto, estas halo por glaciohokea sporto; la halo havas lokon por 10.000 personoj.

Ankaŭ kampadejo estas lokita ĉe la piedo de la monto; do, por la kongresanoj, kiuj eventuale loĝos tie, estas granda ebleco migri en la ĉirkaŭaĵoj de la monto. La monto ne estas tre alta; kaj de ĝia supro oni ĝuas belegan panoramon.

En la urbo, ni kompreneble havas ankaŭ kelkajn sportejojn. Unu el ili nomiĝas 'Eddahallen'. Ĝi estas, cetere, nia kongresejo; kaj tie, ni certe havos sufiĉe da loko por niaj aktivecoj.

Preskaŭ en la centro de la urbo, troviĝas antikva urbeto; ĝia nomo estas BONNSTAN (Kamparana urbo). La domoj en tiu urbeto estis konstruataj antaŭ ĉirkaŭ 200 jaroj de la kamparanoj, kiuj loĝis en la regiono de Skel-

lefteå. Tiujn domojn oni uzis, vizitante la urbon, por prizorgi diversajn aferojn. Ĉiuj domoj estas, ankoraŭ hodiaŭ, posedaĵoj de kamparanaj familianoj, kiuj de tempo al tempo vizitas ilin por travivi kaj memori malnovajn vivmanierojn.

Per tiu-ĉi malgranda informo pri la urbo Skellefteå, ni celis doni al la kongresanoj por la venonta kongreso de IFEF, ian impreson, al kiu kaj al kia urbo ili veturos.

Yngve Forslund.



*La kamparana vilaĝo de Skellefteå*

# PROTOKOLO

## pri la kunsido de Terminara komisiono okazinta en Villach la 13.5.1975 dum la 27-a IFEF-kongreso.

La kunvenon de Terminara komisiono partoprenis 25 kolegoj, interesuloj kaj IFEF-estraranoj.
La kunsido de Terminara komisiono komenciĝis je la 9,15 laŭ jena tagordo:
1. Laboro pri UIC-leksikono
2. Laboro pri terminareto/j/
3. Tradukado de internaciaj konvencioj, reglamentoj, ktp.
4. Sugestoj, proponoj al Terminara komisiono kaj aliaj laboroj de Terminara komisiono

Tuj en la komenco kolegoj Inĝ. Sekereŝ kaj Blondeaux rimarkis kaj riproĉis pri la manko de tagordo de TK en Kongresa Libro, ĉar Inĝ. Sekereŝ ĝustatempe sendis ĝin al ĉefkomitatano.

## 1. LABORO PRI UIC-LEKSIKONO

Transirante al tagordo, kolego Inĝ. Sekereŝ informis ke li ricevis jarraportojn el A, B, CH, D, DK, E, F, I, J, N, NL, PL, S, SF kaj YU. En CS la raportado de terminaraj kunlaborantoj ne submetiĝis al landa jarraporto - punkto 28. Jam du jarojn venas nur iaj raportoj fare de Inĝ. Rebiček. Krome, Inĝ. Sekereŝ informis la ĉeestantojn ke jarraportoj ne estas regule senditaj, kelkaj eĉ enhavis tion kio ne estas por jarraporto. Estas rekomendinde bone pripensi pri la enhavo de venontaj jarraportoj. Koncerne la traduklaboron konstatebla estas, ke ĝi ne progresas kontentige. Laŭ la jarraportoj
– en Svedio oni recenzadas la literojn F kaj G
– en Finnlando oni ekspedis la 8-an de julio 1974 la kf-jn pri literoj J, K kaj L al S/Be, kaj la 1-an de decembro 1974 la kf-jn pri F kaj G al CS/Re,
– en Jugoslavio oni recenzis la literon Q.

Estas grave mencii, ke la hungara tk liveris jam la recenzon pri literoj F kaj G en la jaro 1972, dum s-ro Blondeaux komence de la jaro 1973. Krome, la tk el CS recenzis la literon P de 7300 ĝis 7700. Laŭdinde estas, ke la tk el Hungario pretigis la bf-jn pri litero C. Oni devas rimarki, ke por literoj D, R kaj S la tk-j el Italio, Germanio kaj Nederlando ankoraŭ ne komencis sian traduk-laboron.
Dum la diskutado
**D-ro Boschin** diris, ke li laboras super la terminareto;
**Hartig** diris ke li ne havas AR. Inĝ. Sekereŝ tuj promesis al li doni AR;
**D-ro Bacskai** informis la ĉeestantojn, ke la litero C estas tradukita, unu triono eĉ tajpita. La tutan materialon **ili** intencas finpretigi ĝis la fino de la jaro 1975-a aŭ ĝis la venonta kongreso. Li ankaŭ promesis sendi po unu ekzempleron al Narvala, Rebiček, Bengtsson, Hartig kaj Inĝ. Sekereŝ.
**Inĝ. Sekereŝ** konstatis, ke la listo de tk-j ne estas kompleta, kaj tiun oni devas kompletigi kiom eble plej baldaŭ. Krome li informas pri pasintjaraj diskutfolioj, kiujn oni sendis el ČSSR sur formato A5. Ĉar ili ne estas konformaj al AR kaj al nia laborplano, li ne metis ilin je tagordo;
**Inĝ. Rebiček** diras ke temas pri dubaj terminoj por ĉeĥoslovaka terminareto, kiuj estas buŝe pridiskutendaj. Li proponas, ke ilia pridiskuto okazu dum la kongreso/j/;
**Bengtsson** samopinias ke oni devas diskuti dubajn terminojn;

**Giessner** konstatas, ke diskutoj pri diversaj terminoj postulas pli da tempo kaj pri tio oni devas bone pripensi;
**Bengtsson** proponis, ke la diskutfolioj estu ĝustatempe dissendataj, ke oni povu pridiskuti ilin dum la kongreso kaj akcepti;
**Inĝ. Rebiček** konfirmas la opinion de Bengtsson proponante ĝian preparon kaj okazigon dum la sekvantjaro IFEF-kongreso en Svedujo;
**Inĝ. Sekereŝ** ne akceptas la labormanieron pri kiu oni diskutis. Li intencas labori je traduko de UIC-leksikono kaj ne pri dubaj terminoj bezonataj jen por unu, jen por alia terminareto. Principe li ne kontraŭas la diskutadon pri dubaj terminoj, sed ne ekster AR, kion ĉiuj akceptis. Tio unue signifas, ke **la formato nepre devas esti A4** kaj due, superfluas enkonduki diskutfoliojn ĉar **por tiu celo ekzistas jam la kf-j.** Se ni de jaro al jaro fiksas la laborplanon pri recenzado de certa stoko de tradukproponoj, estas la tasko de ĉiu tk – recenzante tiujn tradukproponojn – pridiskuti la dubajn terminojn kun rtk sur kf-j. Ekzemple, por ĉi tiu jaro, ĉiu tk devis pridiskuti la dubajn terminojn de literoj F kaj G kun ties rtk, kun ČS/Re. Ne aliajn terminojn. Se iu ik meminiciate recenzas iun literon, la dubajn terminojn li pridiskutu sur kf-j rekte kun koncerna rtk. Nur se iu tk post plurfoja interŝanĝo de kf-j kun rtk ne povas interkonsenti, ili prezentu la problemon al gTK. Verŝajne gTK trovos solvon, ĉu per diskutigo dum la kongreso aŭ alimaniere;
**Ritterspach** samopinias kaj pensas ke oni devas diskuti nur pri bazaj terminoj sur LG II;
**Inĝ. Sekereŝ** atentigas ke ni laboras super la tradukado de UIC-leksikono kaj ni diskutu pri kodnumeroj, ne miksante terminareton kun la terminaro;
**Bengtsson** proponas al ČS fari diskutfoliojn ĝis Kristnasko;
**Inĝ. Sekereŝ** insistas nur je tiuj el litero F kaj G, eventuale H – L. Krome li proponas por la sekvonta periodo pridiskuti ĉiujn dubajn terminojn el litero T. La dubajn terminojn la tk-j traktu rekte kun rtk-j. Se iu duba termino necesigos ĝian buŝan pridiskuton dum la sekvontjara kongreso, oni sendu al li /Inĝ. Sekereŝ/ la proponon ĝis la fino de novembro;
**Blondeaux** informis, ke en monato julio 1976 aperos la tria eldono de UIC leksikono, kies prezo estos proksimume 100,00 DM. Li provos enmeti kodnumerojn laŭ nova, tria eldono;
**Inĝ. Sekereŝ** starigis la demandon kion fari sub la kondiĉo se aperos la tria eldono, ĉar la kodnumeroj certe ŝanĝiĝos. Cetere la havigo de LG III por ĉiu tk multe kostos;
**Ritterspach** proponas ĝisatendi la eldonon de nova kajero;
**Inĝ. Sekereŝ** opinias, ke estus plej bone labori laŭ la dua eldono;
**Giessner** proponas esplori ĉiujn novajn terminojn, kaj por ili eldoni apartan kajeron sub IFEF kodnumeroj;
**Inĝ. Sekereŝ** proponas ke ĉiu tk kompletigu sian stokon kiam tio aktualiĝos;
**Ritterspach** opinias, ke apenaŭ ĉe slipigado oni devus aldoni la novajn terminojn el la tria eldono;
**Bengtsson** proponas, ke ni restu ĉe la dua eldono, por pli efika laboro;
**Inĝ. Rebiček** pensas, ke la komparo kun du leksikonoj estas terura laboro;
**D-ro Bacskai** proponas, ke ni ne okupiĝu pri la tria eldono;

## 2. LABORO PRI TERMINARETO/J/

Laŭ la jarraportoj kolego Sekereŝ informis, ke
– en S oni preparas la terminareton por la sekvanta jaro;
– en F oni liveris jam 4338 terminojn al reviziantoj. Al ili kunhelpas Bp el CH;
– el Japanio venis informo, ke ili 'kolektas materialojn kaj aranĝos kajeron';

– en ČSSR la Teknika sekcio de ČEA planas eldoni en la jaro 1976 teknikan terminareton;
– en PL kolego Nowomiejski el Varsovio pretigis seplingvan fervoj-turistan terminareton kun 318 terminoj. Inĝ. Sekereŝ promesis kontakti lin por esplori pri kio fakte temas.
Dum mallonga diskutado pri ĉi tiu temo Inĝ. Sekereŝ demandis kolegon Blondeaux ĉu li povus recenzi la literon T. Kolego Blondeaux akceptis la proponon kaj interalie klarigis ke kolego Bipp havas personajn problemojn, kaj li ricevis permeson labori por esperanto nur du horojn monate en sia oficejo.

## 3. TRADUKADO DE INTERNACIAJ KONVENCIOJ, REGLAMENTOJ, ktp.

Laŭ la jarraportoj kolego Sekereŝ informis la ĉeestantojn, ke
– en F s-ro Garret finis la reviziadon de RIV kaj RIC, kiujn tradukis kolego Zupanič el Zagreb /Jugoslavio/;
– en SF kolego Narvala pretigis la tradukon de la unua kajero de TCV-tarifo kies tekston li prezentos nun dum la kongreso;
– en YU kolego Zupanič, honore al duobla jubilea jarkunveno prezentis la 20-an de aprilo 1975 la novan tradukon de CIM kun ses aldonoj /II - VII/, kies tekstoj ekvalidis la 1-an de januaro 1975.
Dum la diskuto pri tiu punkto
**Inĝ. Sekereŝ** esprimis sian opinion, ke estus bone, ke estu tri reviziantoj, eble unu el Germanio;
**Blondeaux** proponas kolegon Motto, kiu reviziu la tradukon kiel fakulo;
**Inĝ. Sekereŝ** petas ke s-ro Blondeaux sendu la tekston kaj la recenzon al Zupanič. Poste demandas la kasiston pri kondiĉoj por la presado;
**Blondeaux** atentigas kaj proponas atendi novan eldonon;
**Inĝ. Sekereŝ** promesis esplori la kondiĉojn por eldonado en Jugoslavio;
**Hauge** petas, ke oni sendu al li ĝis la fino de februaro proksimuman sumon por la presado;
**Inĝ. Sekereŝ** esploros kaj informos ĉiujn pri la ebleco;
**Ritterspach** parolis pri iu lok-fakulo el Fulda /la ĝustan nomon mi ne aŭdis bone/ kiu eventuale povus recenzi CIM. Li tion esploros kaj informos kolegojn Blondeaux kaj Inĝ. Sekereŝ;
**Inĝ. Sekereŝ** diras ke kolego Barnickel interesiĝas kion Jugoslavoj pensas pri nova CIV. Interkonsente Zupanič traduku CIV kiel unue, kondiĉe, ke li kompilu terminaron pri tie aperantaj terminoj;
**Narvala** informis, ke UIC preparas novan nomenklaturon de varoj;
**Inĝ. Sekereŝ** konstatis, mirante, ke ni pli facile transprenas la tradukadon de reglamentoj ol terminoj;
**Narvala** diris ke li faris la tradukon de la unua kajero de TCV-tarifo pro sia speciala interesiĝo atentigante, ke tio estas provizora traduko. Kelkajn terminojn li trovis interesaj, ne tute fiksitaj: Strecke, Gepäckschein ktp, kiujn li tradukis laŭ sia konvinko, kaj pro tio li substrekis la provizorecon. La alportitajn ok ekzemplerojn li disdonas al kolegoj Ritterspach, Bacskai, Blondeaux, Rebiček, Bengtsson, Inĝ. Sekereŝ, Bipp kaj Hartig.

## 4. SUGESTOJ, PROPONOJ AL TK KAJ ALIAJ LABOROJ DE TK

Transirante al la kvara punkto de tagordo Inĝ. Sekereŝ informis ke:
– Be el S proponas ke la poŝtelspezojn por gTK kaj lia sekretario kovru IFEF. Al tiu propono gTK aldonas ke: poŝtelspezojn de tk-j en unuopaj landoj kovru la koncernaj landaj asocioj;
– en B pretas kunlabori kolego Speybrock, en D kolego Hartig kaj en YU kolego Ladjević, sed mankas al ili LG II. Oni devas esplori la eblecon havigi /aŭ fotokopii/ por ili LG II.
Dum la diskuto
**Bengtsson** diris, ke rilate la poŝtelspezojn kolego Hauge postulas prepari la informon pri proksimuma sumo por komitata kunsido;
**Giessner** petas, ke la protokolon oni sendu al IFEF-sekretariino en du ekzempleroj kiel eble plej baldaŭ; ankaŭ li menciis la bezonon prepari por komitata kunsido la informon pri la poŝtelspezoj;
**Inĝ. Sekereŝ** demandas kiamaniere havigi tri ekzemplerojn de LG II por kolegoj Hartig, Ladjević kaj Speybrock. Ĉu Poptie povas paroli kun Hardeveld ke ili pruntedonu al Belgoj la libron? Krome li proponas ke kolego Hartig transprenu la literon D, Belgujo literon R. La terminojn sub litero U, V, W kaj Z tradukas la Rumanoj, sed sen ia ajn informo pri la ĝisnuna stato. Li ankaŭ instigas tiujn kiuj recenzas, ke ili faru tion konstante kaj kiom eble plej multe;
**Bengtsson** proponas al Inĝ. Sekereŝ, ke li tion skribu al ĉiu lando, sed tuj demandas sin kion fari se eble ĉiuj ne respondus?
**Inĝ. Rebiček** riproĉas je longa tempo de la tradukado. Laŭ li, estus bone doni limdatojn por resumfolioj, ĉar alie neniam finiĝos la laboro;
**Inĝ. Sekereŝ** proponas, ke ni ne kondamnu la sistemon, ni ĉiuj meminiciatu. La ĝisnuna rezulto ne estas vera respegulo de niaj kapablecoj, ni estas kapablaj fari pli multe ol ni ĝis nun sukcesis. Li ne estas por la severa limigo de unuopaj tradukfazoj;
**Inĝ. Rebiček** adiaŭas ĉiujn tk-jn, ĉar pro financaj kaŭzoj li ne povos partopreni niajn venontajn kongresojn;
**Inĝ. Sekereŝ** proponas reciprokan vizitadon de tk-j, eble interkongresan renkontiĝon en ČSSR;
**Narvala** proponas, ke ĉiu laboru laŭ sia kapableco kaj emo. Tio rilatas nin;
**Inĝ. Sekereŝ** atentigas, ke la AR tion reguligis tiamaniere, ke eĉ ne unu tk devas perdi la tempon. Tiu kiu laŭ sia fako ne povas trovi ĝustan terminon, lasu ĝian tradukon al iu alia tk;
**Bengtsson** interesiĝas ĉu la norvega tk sendis ion de tradukita materialo?
Bedaŭrinde, la tradukproponoj pri litero N/7000 - 7067/estis enmanigitaj al gTK post la kunveno. Tiel Inĝ. Sekereŝ antaŭ la faka prelego liveris la materialon al tk-j.
Ĉar jam pasis la tempo, kaj elĉerpita estis la tagordo, Inĝ. Sekereŝ, gvidanto de terminara komisiono, salutis ĉiujn dankante al ili por ilia kontribuo je komuna laboro, kaj je la 11,30 horo fermis la kunvenon.

SEKRETARIO DE TERMINARA KOMISIONO
Jovan Ladjević



# RAPORTO

## pri la Fervojista tago dum 60-a Universala Kongreso de Esperanto, mardon, la 29-an de julio 1975.

Post la kolektiĝo en kongresejo ni iris per speciala aŭtobuso al la Varterminalo de Kopenhago.
Tie situas ankaŭ la DSB lernejo, kaj en ties aŭditorio la 45 kongresanoj el 11 landoj kolektiĝis.

La prezidanto de DEFA, transport-konsilisto Henning Hauge, bonvenigis, kaj tute speciale la ĉefon de varterminal-regiono de Kopenhago, funkcigvidanton V. Sonnenborg, kaj la ĉefon de la pecaĵ-trafiko ĉe DSB, trafikinspektoron P.O.G. Christensen.

Prelegis dum 50 min. pri 'DSB var-transporto, antaŭe, nun kaj estonte" la vicĉefo de la varterminalo E. Henning Olsen.

DSB regalis la ĉeestantojn per refreŝaĵo kaj oni rondiris en la DSB lernejo, kie la diversaj teknikaj instruhelpiloj funkciis okaze de la vizito.

Pere de la interna televido de la lernejo ni vidis 10-minutan filmon pri la historio kaj nuna stato de la lernejo, interprete klarigita de komitatano de IFEF, Gunnar Thuesen.

Pri la varterminalo (vizitota posttagmeze) informis E. Henning Olsen.
Je 12.30 okazis lunĉo en la kantino de la varterminalo, dum kiu S-ino Elfriede Kruse, sekretariino de IFEF, salutis la ĉeestantaron nome de la prezidanto kaj aliaj estraranoj de IFEF. Ŝi ankaŭ dankis al DSB pro la ebligo de la aranĝo Fervojista Tago.
Funkcigvidanto V. Sonnenborg kaj trafikinspektoro P.O.G.Christensen partoprenis ankaŭ la lunĉon.

Je 13.30 ni rondiris en la magazeno de la terminalo, vidante la modernan teknikan ekipon kaj organizon de la terminalo.

Marŝante laŭlonge de la fervojaj instalaĵoj ni je 15-a atingis la Liber-tempan Centron de DJIF (Dana Fervoja Sporta kaj Libertempa Asocio), la klubejon de la loka DEFA-grupo, kie la nomita grupo regalis per kafo.
La aranĝo finiĝis je h. 16.00.



*La partoprenantoj vizitas la varterminalon.*

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## SVISIO

Jam en la jaro 1921 troviĝis en Svislando kelkaj fervojistoj, apartenantaj kiel individuaj membroj al la tiama Internacia Asocio Esperanto-Fervojistoj. Dum 1922 la delegitara kunveno de la sindikato 'Svisa Fervojista Asocio' (SEV) devis pritrakti proponon pri subteno al ia internacia helplingvo. En la jaro 1925, okaze de la Universala Kongreso en Ĝenevo fervojistaj esperantistoj el diversaj landoj okazigis fakan konferencon. Sekve, kolego J. Perlet el Berno aperigis alvokon en la organo de la svisa fervojista sindikato por kolekti kolegojn, kiuj ĉu konis Esperanton ĉu interesiĝis pri ĝi, en svisa organizaĵo. Tiu alvoko estis sukcesa.

La 16-an de septembro 1925 estis fondata en Berno la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj. SAEF tuj aliĝis kiel landa sekcio al Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj, ĉar celo de la societo ja estis la kreo de fortaj internaciaj kontaktoj. La tiama prezidanto de la ĝenerala direkcio SBB, sinjoro Zingg, subtenis tiujn klopodojn, subvenciante Esperanto-kursojn same kiel la ceterajn lingvokursojn.

Dum la unuaj jaroj la asocio ofte devis disputi kun adeptoj de Ido, konkurenca lingvo al Esperanto. Tamen, post certa tempo, tiu movado disfalis.

Ek de 1931 IAEF estis anstataŭata per la Internacia Federacio de Esperanto-Trafik- kaj Transport-laboristoj(IFETT), sub protekto de la Internacia Transportlaborista Federacio ITF, kiu viglan agadon evoluigis. Sub gvidado de ITF okazis 1932 en Praha internacia fervojista kongreso en Esperanto, kiun partoprenis ankaŭ delegacio el Svislando. La partoprenintoj revenis entuziasmigitaj de tiu renkontiĝo kun kolegoj el diversaj landoj kaj lingvoregionoj. La asocianoj starigis viglan kontakton kun eksterlandaj kolegoj kaj okazigis ree kaj ree vizitojn. La membrostato en Svislando atingis proksimume 50 anojn.

Pro la eksplodo de la dua mondmilito la internaciaj rilatoj abrupte ĉesis. Eĉ enlanda agado de SAEF plene stagnis.

Tuj post la militfino, la malnovaj batalantoj de laInternacia Lingvo klopodis restarigi kontaktojn kun samideanoj de aliaj landoj. Por organizi la unuan postmilitan Universalan Kongreson en 1947 en Berno, ankaŭ fervojistaj esperantistoj aktive kunlaboris.

La 4-an de aŭgusto 1948, en la kadro de la internacia laborista esperantista kongreso de SAT en Amsterdamo, la fervojistoj aranĝis fakan kunsidon, kiun partoprenis ankaŭ membro de SAEF. Tie estis decidate ree krei fortikan internacian organizaĵon. Tiel estis fondata la Internacia Federacio de Esperanto-Fervojistoj (IFEF), al kiu SAEF tuj aliĝis kiel landa sekcio kaj de kelkaj jaroj aktive partoprenas ties organizan vivon en gvidaj instancoj.

Ek de tiu tempo okazis iom-post-iom, sed daŭre supren kondukanta evoluo. De post 1949 okazis ĉiujare internaciaj fervojistaj kongresoj, en kiuj la svisa asocio regule estis prezentita. Plurfoje en Svislando estis akceptataj vojaĝgrupoj de eksterlandaj kolegoj.

Dum majo 1955 SAEF organizis en Zürich la 7-an Internacian Fervojistan Esperanto-Kongreson. Dum unu semajno kuniĝis 300 gekolegoj el 12 landoj. En majo 1972 SAEF sukcesis kunigi 548 gekolegojn el 18 landoj por la 24-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso en Lugano. Dum ambaŭ kongresoj oni pritraktis fakajn kaj organizajn demandojn. Kiel kongres-lingvo uziĝis nur Esperanto. Traduk-servo ne estis necesa, malgraŭ la granda lingvodiverseco de la partoprenintaj nacioj. La ĝenerala direkcio de SBB kaj la svisa fervojista sindikato SEV morale kaj finance subtenis la kongresojn.
Sub patronado de SAEF okazis ek de 1959, ĉi-jare jam la 16-a, internaciaj feriosemajnoj por fervojistoj sur Herzberg, Oberbalmberg, Boldern, Gwatt, Fürigen, Caslano kaj Magliaso. La asocio peradis ankaŭ la partoprenon de svisaj kolegoj al similaj feriaj semajnoj en eksterlando.

Ĉar pro la neregula deĵortempo de la fervojistoj la organizado de ordinaraj kursoj estas malfaciligata, de post 1955 daŭre funkcias koresponda kurso, unue en germana lingvo, de kelkaj jaroj ankaŭ en franca kaj itala. Por gajni adeptojn por la mondlingva movado ne nur sufiĉas propagandi novan, eĉ tre facile lerneblan lingvon, sed ankaŭ necesas principa konvinko pri la ideo mem. Ankaŭ tiurilate malrapidaj sed daŭraj progresoj estas atingitaj. Hodiaŭ la organizaĵo SAEF nombras pli ol cent membrojn.

Sub la instigo de frataj organizaĵoj en eksterlando, ĉefe en Francio, SAEF strebis al pli intensa kontakto kun aliaj kulturaj libertempaj organizaĵoj fervojistaj. Tiel SAEF estas unu el la fondmembroj de la asocio de kulturaj fervojistoj en Svislando, fondita dum 1953.

SAEF

## HUNGARIO

Hungara Esperanto-Asocio kreis insignon '10 jaroj pri Esperanto'. La Budapesta Centra Fervojista Fak-grupo kaj la Budapesta Fakgrupo aranĝis solenan kunvenon por trans-doni al meritintoj la menciitan insignon. La kunveno estis aranĝita en la salonego de la stacidomo Budapest-keleti. La ejo estis inda por tia solenaĵo; la estraroj de la grupo modele zorgis pri la bonfarto de la ĉeestantoj. Ĉeestis 50 personoj el ambaŭ grupoj.
La festan paroladon faris s-ro István Bácskai, prezidanto de la Fervojista Sekcio de HEA. Li menciis la pio-nirojn de la fervojista Esperanto-movado, kies laboro komenciĝis tuj post la dua mondmilito. La hungaraj Esperanto-fervojistoj per bona laboro atingis la hungaran E-movadon, ankaŭ la internacian fervojistan movadon. Li memorigis pri la mort-intaj kolegoj, kies memoron ame ni gardas kaj ankaŭ pri nia iama 'honora' fervojista 'kolego', pri paĉjo Julio Baghi. Fine li salutis la ĉeestantajn kolegojn kaj deziris bonan laboron kaj bonan sanon.
Salute parolis ankaŭ la sekretario de la Budapesta Fakgrupo. Li parolis, inter aliaj aferoj, pri tio, ke la nuna tempo en Eŭropo estas tre favora por plivastigi nian Movadon, rilate al la konferenco en Helsinki. Post la festaj paroladoj kaj la transdono de la insig-noj, la grupanoj plu-restis kune kaj babilante amuziĝis dum kelkaj horoj.

M. Szuhay

## DANLANDO

Ni gratulas honoran membron de DEFA N.C. Thorsted en Aarhus, kiu la 9an de oktobro festis sian 80 jaran naskiĝtagon. Thorsted estas iniciatinto de DEFA kaj kunfondinto de IFEF. Li ĉiam kun granda intereso sekvas la laboron en nia movado.

## HUNGARIO

Du kolegoj Imre Domokos kaj Géza Miklós partoprenis en la Budapesta Fervojdirekcio – okaze de 25-a Hungara Fervojista Tago – ekspozicion de poŝtmarkoj, kaj gajnis belajn valorajn premiojn per Esperanto-temoj. Jen la memorpoŝtkarto kun memorstampo kaj la iama '14-a IFEF-kongresa' poŝtmarko.

## HISPANIO

De la 8-a ĝis 13-a de februaro 1976 okazos la 17a IFES en la montara domo de 'U.E.C.' (Unió Excursionista de Cataluña) en LA MOLINA (Gerona) Hispanujo.
La loko situas en la Katalunaj Pireneoj (alteco: 1500 m.).
La U.E.C.-domo troviĝas proksimume 10 minutojn piede de la stacidomo La Molina, sur la fervojlinio Barcelono-Parizo trans la landlimo Puigcerdá – La Tour de Carol. (De la landlimo La Tour de Carol ĝis la stacio La Molina la vojaĝo daŭras 30 minutojn trajne.)
La nombro de partoprenantoj estas limigita al 70 personoj.
Bonvolu peti informojn kaj aliĝilojn al Delegito S-ro Jose Molina, str. Paseo TORRAS y BAGES nº 51, 4º, 1ª BARCELONA 16, Hispanujo

25. Vasutasnap

a Budapesti Vasutas Bélyeggyűjtő körök jubileumi bélyegkiállítása






*Jubilea memorpoŝtkarto kun memorstampo.*

## NEKROLOGOJ

**Granda amiko de nia afero forpasis**

Nur postdate ni eksciis, ke la 7an de aŭgusto 1975 en Parizo mortis granda amiko de la esperantistoj, la fondinto, longjara ĝenerala prezidinto kaj honor-prezidinto de la FISAIC (Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervoj-istoj),
**d-ro Marcel MOLLION**
† en aĝo de 87 jaroj.



La ne tro altstatura, blankhara, ĉiam bonhumora d-ro Mollion kelkfoje estis en niaj IFEF-kongresoj, kie li estis konata figuro kaj ĉiam bonvena. La tiama prezidantino de la franca asocio de IFEF, fr-ino Lemonnier, estis inter tiuj, kiuj instigis d-ron Mollion fondi la FISAIC, kaj el tiu tempo rezultis lia sincera amikeco al nia federacio kaj al nia afero entute. Ni plenkore kondolencis al la estimata vidvino de la mortinto.
La ĝentila, gaja, humaneca d-ro Mollion restos en nia memoro por ĉiam.

IFEF-estraro.

### ĈEĤOSLOVAKIO

Ni ekscias pri la tragika morto de nia kolego
inĝeniero **Zdenek NEVSIMAL**
el Prago.
Dum ekskurso en la Alpoj, li falis de sur roko, la 31/7.
Li estis 55-jaraĝa.
Li ripozu en paco.

### GERMANIO

Ni perdis la 21an de junio longjaran fidelan membron en aĝo de 78 jaroj **Ludwig KEIL**, el Kirchseeon.

### NEDERLANDO

La 5an de aŭgusto, post mallonga restado en malsanulejo, forpasis
**G. E. TIP** el Zwolle
membro dum multaj jaroj de la fervojista rondo Nederlando, en la aĝo de 79 jaroj.

La 31an de aŭgusto forpasis en aĝo de 68 jaroj
**Thies M. Blaauw** el Zwolle
internacie konata kiel organizanto de multaj ferio-semajnoj en Nederlando. Dum la IFEF-kongreso en Fulda li estis honorita per la arĝenta FISAIC-medalo.

### SVISIO

En la aĝo de 74 jaroj mortis post longa malsano la 17-an de julio 1975 nia kara amiko
**Fritz HUGI**
Pioniro/veterano nia sindona samideano estis la lasta kolego de la unua lozana grupo kiu aliĝis kaj ege aktivis en la kadro de SAEF.
Nia amiko ripozu en paco.
Al la familianoj de tiuj niaj membroj ni esprimas nian kondolencon.

## FERVOJAJ INFORMOJ

**Nova somera horplano ĉe la italaj ŝtatvervojo.**

Teksto de CAPPELLANI, traduko de A. DE SALVO.

Ekde la 1-a de junio, sekve de la ekvalidiĝo de la nova somera horplano, la italaj ŝtatfervojoj prezentas plurajn novaĵojn. Oni devas tuj diri, ke la karakterizoj de la nova horplano inspiriĝas el la nuntempa atmosfero de ŝparemo; fakte, oni draste limigos la efektivigon de tiuj trajnoj, kiuj dum la pasintaj someraj sezonoj ne estis sufiĉe utiligataj de la publiko. Oni antaŭvidas, krome, ioman plilongigon de la vojaĝdaŭro de multaj trajnoj, precipe tiuj longdistancaj. Vojaĝoj pli longaj, do, sed pli akurataj, ĉar per la diritaj decidoj la italaj ŝtatfervojoj celas pli rigoran respekton de la antaŭfiksita horplano; cetere la plilongigo de la vojaĝdaŭro estas, meznombre, nur 10 minutoj.
Ekde la 1-a de junio, krome, komencos funkcii multaj novaj vagonoj, kiuj sendube plibonigos la vojaĝkomforton. Ankaŭ en multaj duaklasaj vagonoj nun ekzistas klimatizado de la aero, kaj plimultiĝas la 'memservadaj vagonoj', kie oni povas manĝi kaj trinki rapide kaj malkare. Oni devas ankaŭ memorigi, ke nova tipo de litvagono ebligas la aliron de pli vastaj sociaj tavoloj al ĉi tiu komforta servo.
Same ekde la 1-a de junio estis abolitaj ĉirkaŭ 80 pasaĝertrajnoj en la sabataj kaj dimanĉaj tagoj, kun la celo ebligi vartransportadon sur la linioj kun pli intensa trafiko.

**Unuiĝo de Afrikaj Fervojoj**

Pluraj afrikaj fervojoj apartenas jam delonge al la Unuiĝo Internacia de Fervojoj (UIC), kio ofertas al ili la eblecon interŝanĝi teknikajn sciojn kaj spertojn. Tamen, la specialaj problemoj de la afrikaj fervojoj kaj la geografia unueco de la kontinento stimulis la plimulton de tiuj fervojoj krei propran organizaĵon. Tiel ekestis la Unuiĝo de Afrikaj Fervojoj, al kiu apartenas dek naŭ afrikaj fervojoj.
La sidejo estas en Kinshasa.
La Unuiĝo de Afrikaj Fervojoj jam esprimis la deziron kunlabori kun la Unuiĝo Internacia de Fervojoj, samkiel tiu institucio flegas interligojn al similaj unuiĝoj en norda kaj suda Ameriko, kie unuopaj fervojoj estas membroj de UIC.

Tradukis el *FERINFOR* n-ro 7/8 1975 W. Barnickel.

## RECENZO

**La plej sukcesa perfektiga lernolibro.**

La tria eldono de 'Paŝoj al plena posedo', la perfektiga antologia lernolibro de William Auld, eldonita de 'Heroldo de Esperanto' en Prago, en kunlaboro kun Ĉeĥa Esperanto-Asocio, fariĝis unu el la plej vendataj libroj en la internacia lingvo. Fakte, ĝi estas la sola tiaspeca verko.
En 240 paĝoj ĝi instruas en 30 lecionoj, kun entute 180 lingvaj ekzercoj. Ĉiu leciono enhavas literaturaĵon: 18 originalaj kaj 12 tradukaj el samnombraj lingvoj. La literaturaĵoj apartenas al la plej bonaj Esperanto-stilistoj de Zamenhof ĝis Kalocsay, Szilagyi k.a.
Prezo 140 belgaj frankoj aŭ egalvaloro.

# NI RIDU

## LA MONO DE DIO

La vivo mem kelkfoje skribas nekutimajn historiojn. Ili ofte estas tiom kuriozaj, ke neniu volas ilin kredi.
En bavara vilaĝo, en la regiono Aibling, proksime de montego Wendelstein, kamparanino ĉiam baraktis pro la nomo. Kiom ajn bone ŝi penis mastrumi, neniam ŝi sukcesis havi la plej necesajn vivrimedojn.
En tia mizera stato la naiva virino faris petskribon al la kara Dio.
*'Kara Sinjoro Dio,*
*mi estas olda kaj malriĉa kaj ĉiam mi havas tro malmulte da mono.*
*Mi ne plu scias helpi min. Bonvolu, mi petas, sendi al mi 100 markojn.*
*Sed laŭeble plej baldaŭ!'*
Ŝi adresis la leteron *'Al la kara Dio'*, afrankis kaj metis ĝin en la poŝtkeston. La poŝtisto, kiu poste havis la leteron en la manoj, verŝajne estis ŝercemulo. Li miksis tiun nekutiman sendaĵon inter la leteroj, kiuj estis destinitaj al la financoficejo.
La estro de ĉi tiu malŝatata registaroficejo siaflanke montris absolute regulokontraŭan kompaton kun la sorto de tiu ĉi virino. Inter siaj kunlaborantoj li kolektis por la bedaŭrindulino 70 markojn kaj rapide sendis ilin al la kamparanino. Jam post kelkaj tagoj venis dankletero.
*'Kara Sinjoro Dio'* skribis la pridonacita ino *'mi dankas vin el tuta mia koro por la 70 markoj. Kaze, ke vi refoje intencas ion donaci al mi, mi petas vin, ne denove faru tion pere de la financoficejo. Tiuj ruzuloj nome tuj forprenis de la 100 markoj sumon de 30 markoj.'*

Tradukita de E. Kruse

# ANONCETO



**La redaktofino por la venonta IF estas 15.11.1975.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.